# BULTENO
de la Internacia Federacio de Esperantistaj Fervojistoj

Sekretariejo: Orteliusstraat 108III Amsterdam | Redaktejo: von Liebigweg 26 Amsterdam


## KOMUNIKOJ PRI LA 7-a IFEF-KONGRESO EN ZURICH

**Adreso: LKK, poŝtfako Zurich 23.**

### BULTENO No.1.

Kun granda ĝojo la anoj de SAEF (Svisa Asocio de Esperantistaj Fervojistoj) legis pri la akcepto de sia propono, okazigi la 7an IFEF-kongreson en nia Zurich. Ni taksas tion tiel honoron kaj same kiel gravan taskon, dediĉi niajn fortojn al tiu manifestacio, kiu denove antaŭenigu nian fakan movadon.

**LKK.** Dum la lasta kunsido de SAEF-estraro formiĝis jena kongresa komitato:

| | | |
|---|---|---|
| prezidanto | : | Hans Bipp |
| vicprezidanto | : | Otto Walder |
| sekretario | : | Walter Sonderegger |
| kasisto | : | Hans Noll |

la diversajn komisionojn, por loĝado, festoj, ekskursoj ktp. formos spertaj membroj de Esperanto-Societo Zürich.

**Dato:** Por plenumi kiom eble plej multe da sugestoj, ni fiksis por la kongreso la semajnon de dimanĉo la 8a de Majo - Vendredo la 13an de majo 1955.

**Kongresejo:** Ni sukcesis kontrakti kun *Limmathaus* grandrestoracio kaj hotelo kaj antaŭvideble ĉiuj aranĝoj okazos en tiu konstruaĵo.

**Kotizo:** Ni informos dum la proksimaj semajnoj la landajn organizaĵojn pri perado de aliĝoj kaj akcepto de kongreskotizoj kaj petas trakti nur sur tiu vojo la aliĝojn. Al la novembra numero de IFEF-bulteno ni aldonos nian aliĝilon.

Bone konsciu, ke la ekstera mondo taksas IFEF kaj niajn kongresojn laŭ ilia spirita kaj kultura enhavo. Konsilu al ni, fari la 7an tre interesa. Mezurilo pri sukceso same estas la nombra da partoprenantoj. Se LKK promesas al vi ĝuindan semajnon, vi sendube rekompense propagandos por ni, instigu viajn gekolegojn al multnombra partopreno. Por tia kunhelpo plej sincere antaŭdankas vin,

la BIWASONO-LKK.

## REFONDIĜIS LA FERVOJISTA ESPERANTO-SOCIETO EN BEOGRAD.

Post longaj postmilitaj jaroj kaj tiom da stagno la fervojistoj de la Beograda fervoja nodo refondis sian antaŭmilitan societon. La fonda kunveno okazis la 9an de Julio 1954 en la malgranda sindikata salono kun 63 partoprenantaj fervojistoj kaj 10 aliaj esperantistaj gastoj. Jam dum la kongresaj tagoj en Verona aperis unu post la alia tri artikoloj pri Esperanto en TRANSPORT (organo de centra komitato de fervojistaj sindikatoj), kies rezulto estis, ke la Redakcio disponigis unu kolonan spacon por kurso kun nura kondiĉo: ke ĝi estu faka. Tiel ekde la 2an de Junio ĉiumerkrede aperadas la lecionoj, kiujn redaktas S-ano Ludoviko Sekereŝ.

Intertempe fondiĝis la iniciata komitato. Ĝi preparis la fondkunvenon, dum kiu oni deklaris daŭrigi la antaŭmilitan laboron. Komprenebla, ke la plej grava tasko estis havigi ejon. Ĝin ni havas jam proksime de la ĉefa stacidomo, kie ni kunvenos ĉiumerkrede. La necesaj mebloj kaj la biblioteko estas iom post iom starigitaj. Pro la someraj libertempoj oni laboras momente nur sur propaganda kaj administraciaj kampoj. Tiu laboro konsistas el preparo de la landa konferenco de fervojistoj-Esperantistoj en la dua duono de aŭgusto. Ĝia celo estas kunligi la landajn fervojistojn kaj eltrovi la vojon kaj la taskojn por estonta laboro. La 1a de septembro estas fiksita kiel dato por la unua kurso.

Post la kunveno okazis komuna fotografado. Sur la bildo oni vidas la novelektitan estraron kun la prezidanto en la mezo. Apud li estas laŭprofesie la staciestro kaj aliaj oficistoj de la Beograda kaj ĉefa Direkcio de Jugoslavaj fervojoj.

L. S.

Ni tutkore bonvenigas la Beogradajn amikojn en niaj vicoj, esperante, ke aliloke en la lando oni imitu la bonan ekzemplon, por ke ankaŭ en Jugoslavio nia movado rapide kresku. Al la entuziasma grupo ni deziras sukceson en la plenumado de nia idealo.

La estraro.

## ESTU BONVENAJ

Kun ĝojo kaj fiero mia sekretario ĉiujare mencias en sia jarraporto la daŭre kreskantan membronombron de IFEF.

La konstanta kresko de nia movado grave stimulas la laboremon de estraroj kaj aktivuloj, kies entuziasma propagando en stacioj kaj sur fervojaj terenoj altiras multajn novajn adeptojn. La serioza laboro en niaj kongresoj, la ofte sukcesplenaj klopodoj ĉe la fervojaj Direkcioj kaj la firma amikeco inter la diverslandaj samfakuloj faras nian movadon plej ŝatata inter fervojistoj, pretigis la grundon por abunda rikolto. Tiun staton bone utiligis nia entuziasma amiko Ludoviko Sekereŝ kiu ĵus starigis novan grupon en Beograd. Li meritas la sinceran dankon de nia movado.

Alia menciinda fakto estas la starigode la Hispana Esperantista Fervojista Asocio, okaze de la Hispana nacia kongreso en Zaragoza, kiun vizitis kelkaj estraranoj de IFEF. Estas nia amiko José Saladrigas Escofet, kiu grave plifaciligis al ni tiun taskon. Jam ĉe la hispana limo li bonvenigis nin kaj gastame akceptis nin en lia hejmo en Badelona, kie ni kaŭzis multan laboron al lia afabla edzino. Familianoj kaj najbaroj agrabligis al ni la mallongan restadon tiel ke ni bedaŭris ke ni jam tiom baldaŭ devis forlasi tiun amikan sferon. En la grupo en Badelona ni travivis agrablajn horojn kaj la restado en Zaragoza estis por ni vera festeno, kiu kulminis en la starigo de la hispana ronda fervojista.
Kelkaj entuziasmaj amikoj formas la estraron de la ankoraŭ malgranda grupo, kaj ni estas certa ke tiu estraro sukcesos kreskigi nian movadon ankaŭ en Hispanio. Ili jam organizis por ni interesan ekskurson al la fervojista faklernejo en Zaragoza, kie la afabla ĉefo Eustaquio J. Negrillo Turto donis al ni ĉiajn klarigojn kaj informojn pri la bonega instruado. Ni ĝojas ke la starigo de la fervojista movado en Hispanio donos al ni okazon por nova vizito al la ŝatataj amikoj, kiujn ni renkontis tie. Ili estas kore bonvenaj en nia internacia rondo.

La estraro.

## ŜIRMADO DE LA REZERVUJOJ

Ek de 1882-a jaro la fabrikejo P. Lacollonge en Villeurbanne specialiĝis pri la kaŭĉukaj surmetaĵoj al la interno de ĉiuspecaj ujoj. Nuntempe ĝi fabrikas algluitajn surmetaĵojn kontraŭ acidoj kaj kontraŭ koredaĵoj el kaŭĉuko fleksebla kaj duon-fleksebla (natura kaj cinteza) aŭ malmoligita (ebonito) laŭ patentitaj procedoj.
Tiuj surmetaĵoj rezistas je klorhidra, fluora, sulfura (ĝis 40 Be), nitrogenaj acidoj kaj al senakvaj solvoj de multaj mineralaj saloj ktp
Oni uzas ilin por la ŝirmado de la rezervujoj (kaj de iliaj neĉefaĵoj) destinitaj por transporto kaj por alprovizo de la acidoj kaj ĥemiaj produktoj:

cisternvagonoj kaj cisternkonteniloj; rezervujoj muntitaj sur ŝipoj kaj kamionoj; diversaj cisternoj je fiksa posteno; kuvoj por senoksidigo, nikelado, tinkturado, glazuro; kuvoj kaj korboj por sekigaj maŝinoj, filtriloj, ĉeloj kaj materialo por elektrolitigo, distilkolonoj, ventoliloj, pumpiloj kaj neĉefaĵoj; kranoj kaj valvoj (ebonigitaj aŭ tute ebonite).

La folioj destinitaj por la surmetaĵoj estas fabrikitaj (kaze de natura kaŭĉuko) ek de gumpecoj kiuj estas metitaj en la lamenigiloj, kies tri cilindroj estas interne varmigitaj. Post akiro de maldikaj lamenoj tiu ĉi estas refoje lamenigitaj, surmetante ilin kaj metante inter ili ŝarĝaĵojn (baze de sulfuro).
La surfacoj surmetotaj devas plenumi kelkajn kondiĉojn observeblajn dum la fabrikado. Ili devas esti videblaj facile, man- kaj il-preneblaj

glataj kaj sen fandŝprucetaĵoj, la metalo devas esti sana sen la plej malgranda poreco. La veldoj devas esti akrigitaj La vinktaĵoj estas evitotaj, oni akceptas ilin nur je fortaj dikecoj, kun frezitaj vinktoj Oni hejtigas la pecojn aŭ ujojn same (brulado kun ligna fajro) kaj post senoksidigo per sablado. Poste la surfacoj estas penike ŝmirigitaj per tavolo de kaŭĉuko-dissolviĝo.

Post sekigo de la ŝmiraĵo la folioj estas surmetitaj kun la plej granda zorgo; la laboristo uzas specialajn ilojn (kvazaŭa-truletojn), per kiuj li forte premas la kaŭĉukon.

Kiam temas pri ebonito, oni metas ĝin poste en brogejo je 150 C, temperaturo je kia oni ricevas la sulfurkaŭĉukadon.

Rimarko pri la okazeblaj riparoj de la surmetaĵoj:
Kvalito ne ĉiam konata de tiuj surmetaĵoj estas ke ili permesas lokalizitajn riparojn (aldono de peco) kaj povas esti realigitaj ie ajn de fakisto kiun la fabriko sendas surloke.
Tiu kvalito estas memorinda pri la cistern-kateniloj por klorhidraj acidoj uzataj de niaj fervojoj.

Krom la kaŭĉukaj surmetaĵoj la Societo Lacollonge fabrikas nun vinil-klorurojn:
La *Covidur*, reflamema, senodora, rezistante al acidoj, prezentas bonajn meĥanikajn kvalitojn ĝis temperaturo de 70 C.
Tuboj, valvoj, pumpiloj uzataj en la ĥemiaj kaj nutraj industrioj estas komplete fabrikitaj el *Covidur*.
La *Covinite* polivinil-kloruro, plastika, fleksebla, estas prezentata kiel folioj de 0,25 ĝis 4 mm uzataj por fabrikado de netroakvigeblaj vestoj, flekseblaj tuboj, ktp.
La *Covileum* tertapiŝo el vinilkloruro 1 ĝis 4 mm dika, anstataŭas favore la kaŭĉukajn tapiŝojn. Gi estas neflamema, havas altan reziston al eluzo, al maljuniĝo, al influo de la sapoj.

BLIN, Inĝeniero A kaj M, Inspektoro je la francaj fervojoj.

## EL LA GAZETARO

Tre ĝojigan novaĵon ni legis en Informilo No.4 de la Finlanda Esperanto-movado, ĝi estas la jena el raporto: * Menciinde estas, ke la honorpremio pro aktiva laborado, donacita de S-ro H.Salokannel, estis transdonata al S-RO ANTTI RUHANAINEN, kiu konservos ĝin ĝis la venonta kongreso.* Ni tre ĝojas, ke la gajnanto de la honorpremio en Finlando estas nia kolego Ruhanainen, la sekr. de la fervojistaj Esperantistoj tie. Al la honorpremio la IFEF-estraro volonte aldonas sian sinceran gratulon kaj la deziresprimon, ke nia amiko restu tiom aktiva dum multaj jaroj.

En la Junia numero de la DEFA-organo jam aperis bonstila artikolo pri la vojaĝo al la urbo de la VIa IFEF-kongreso. La verkinto, P.C.P. bone sukcesis doni siajn impresojn al kolegoj, kiuj ne povis partopreni la kongreson. Kun la raportoj aperantaj en la IFEF-Bultenoj la artikolo donos kompletan superrigardon al la Danaj gekolegoj.